# INTERNACIA FERVOJISTO




1991.2




Pasintjara, jubilea, horaro de ČSD. Ankaú okaze de nia IFK ČSD pretas servi la klientojn, inkluzive nín, eĉ per Esperanto-klarigo.

REDAKTORA BABILO

Kruelaj, nekompreneblaj aferoj ĵus okazis en la mondo, kiam ĉi tiuj linioj estas skribataj. Ekonomio regas. Tion ni spertas ankaŭ en nia ĉiutago kiel fervojistoj. Grandaj kaj gravaj ŝanĝoj okazas, kaj plej-ofte ni ne scias, kiel rilati al ili, kaj ni ne vidas plifaciligajn signojn en la proksima estonto.

Sed premo naskas kontraŭpremon. Se ni renkontas nesupereblajn obstaklojn, ni devas ruze ĉirkaŭiri ilin kaj daŭrigi nian laboron, eventuale laŭ alia pado. Ne eblas nin ekstermi, kvankam kelkfoje al ni maljunuloj (= redaktoro kaj tiaspecaj antikvaĵoj) ne eblas vidi la lumon antaŭ ni. Supozeble tamen nia vid-kapablo ne plu taŭgas.

Tamen, kial pesimismi? Antaŭ ni estas printempo kaj IFEF-kongreso kun lumantaj, belaj travivaĵoj. Antaŭ viaj okuloj estas IF 1991.2, en kiu troviĝas estraranaj raportoj kaj tagordoj kaj pluraj aliaj informoj.

Legu, pripensu, agu!

Red

K 91 ĉe DSB

K 91 estas la interna mallongigo por la fervoja horaro somere 1991 en Danio.

Tiu horaro alportas gravajn kaj pre-skaŭ 'revoluciajn' ŝanĝojn kompare al la nuna horaro.

En 1935, kiam oni inaŭguris la ponton trans Malgrandan Belton (inter Jutlando kaj Fueno), kaj en 1974, kiam oni komencis la transporton de ĉiuhoraj vagonaroj per novaj pramŝipoj trans Grandan Belton, estis aliaj mejloŝtonoj kompareblaj al la nuna ŝanĝo.

La ŝanĝo estas alproksimiĝo al la tunela/ponta konekso en 1993 kaj la horaro estas bazita sur la t.n. IC3-trajnoj, enkondukitaj antaŭ iom pli ol 1 jaro.

Ni klopodos reveni al la temo.

---

INTERNACIA FERVOJISTO 1991.2 - 43a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

Redakcio: E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.
Tel +45 53 72 73 77. Telefakso (deĵore) +45 55 77 15 25.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretario: D-ro Romano Bolognesi, Via Misa 4, I-40139 Bologna.
Dana poŝtĉekkonto: 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.
Dana bankkonto: 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).
Svisa bankkonto: 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH 8590 Romanshorn.
Svisa poŝtĉekkonto: CH 85-4110-5 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.

43a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio, OLOMOUC, 1991-05-11/17

Aliĝiloj: Pavel POLNICKÝ, Příčná 150/VI, CS-29001 PODĚBRADY

Informoj: 43a IFEF-kongreso, ĈEA, Jilská 10, CS-101 01 PRAHA 1

OLOMOUC atendas vin en majo.
ŽILINA atendas vin post la IFK.
IFEF atendas, ke vi partoprenos.
ČSD ofertas al vi senpagan veturon antaŭ, dum kaj post la IFK.
Niaj ĉeĥoslovakaj kolegoj laboregas por ordigi ĉion kaj agrabligi al vi la restadon.

Rigardu vian monujon, pripensetu, aliĝu!

En la hoteloj estas monŝanĝejoj, ankaŭ en ČEDOK. En SIGMA kun Esperanto-parolanta oficistino.

TAGORDOJ POR LA KUNSIDOJ DE LA 43a IFEF-KONGRESO

Kunsido Estraro/komitato (nepublika)

1. Malfermo, konstato mandatoj.
2. Elekto de ĉefkomitatano kaj anstataŭanto
3. Konfirmo de elektoj en TK kaj FAK
4. Diskuto budĝeto 1992
5. Disdonado de jarraportoj
6. Diskuto kongresproponoj
7. Honorigoj
8. Diskuto aliĝpeto de Rumana Fervojista Sekcio ĉe Rumana Esperanto-Asocio
9. Situacio en kelkaj landoj
10. Diskutoj pri venontaj kongresoj
11. Eksteraj rilatoj
    11.1. UEA
    11.2. FISAIC
12. Eventualaĵoj

Plenkunsido (publika)

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Ricevitaj telegramoj, leteroj, k.s.
3. Honorigo al la mortintoj
4. Informoj pri gravaĵoj el la nepublika kunsido
5. Raportoj estraraj
    5.1. Sekretario
    5.2. Redaktoro
    5.3. Kasisto
6. Protokolo Hamar
7. Aliĝpeto de Rumana Fervojista Sekcio ĉe Rumana Esperanto-Asocio
8. Kongresproponoj
9. Konfirmo pri invito al la 44a Kongreso
10. Raporto de la ĉefkomitatano
11. Raporto de komisionoj kaj komisiitoj
    11.1. Terminara Komisiono
    11.2. Fake Aplika Komisiono
    11.3. Komisiito por Skisemajnoj
    11.4. Koresponda Servo
    11.5. Komitatano A de UEA
12. Resumo pri raportoj landaj asocioj
13. Resumo pri la situacio en kelkaj landoj
14. Budĝeto 1992 kaj kotizkonfirmo
15. Rilatoj al aliaj organizoj
    15.1. UEA
    15.2. FISAIC
16. Venontaj kongresoj
    16.1. Elekto de lando por 1993
    16.2 Diskutoj pri pluraj eblecoj
17. Venontaj skisemajnoj 1992 kaj 1993
18. Eventualaĵoj
19. Libera diskutado

Romano BOLOGNESI, IFEF-Sekretario

Kunsido de la Fake Aplika Komisiono

1. Agado de FAK post la 42a IFEF-kongreso
2. Balotoj de la gvidanto kaj sekretario de FAK por sekva periodo
3. Faka prelego ĉijara
4. Faka prelego venontjara
5. Fervojaj aktualaĵoj ĉijaraj kaj venontjaraj
6. Fakprelega programo por 76a UK en Bergen
7. Fakaj kajeroj - ĉu neregula organo de FAK?
8. Ceteraĵoj

Petr CHRDLE, gvidanto

Kunsido de la Terminara Komisiono

1. Agadraporto
2. Nia situacio
3. Elekto de gvidanto TK
   Elekto de sekretario TK
   Elekto de redaktoro TeKu
4. Nacilingvaj Vortaroj NV
   - La evoluo de la laboro en la diversaj landoj
   - La efektivigo de la eldonoj
   - La venko de la malfacilaĵoj
5. Difina Vortaro DV
6. Aktuala Fervoja Vortaro AV
7. La adresaro
8. Diversaĵoj

Dieter HARTIG, redaktoro de TeKu

Kompilis ĉefkomitatano
Lucien de Sutter

JARRAPORTO DE LA SEKRETARIEJO PRI LA JARO 1990

Antaŭrimarkigo
La ordo de la raporto estas kiel tiu de la lastaj jaroj por faciligi komparojn. Pli detalajn informojn pri diverspecaj agadoj oni trovas en la lasta "Resuma jarraporto de la landaj asocioj" (IF 5/90 p.74).

Niaj mortintoj

| | |
|---|---|
| Aŭstrio: | Adolf STEIDL 89 |
| Danio: | Else KENSING 69 |
| | Karen NIELSEN 65 |
| | Charles JENSEN 69 |
| Francio: | Pierre PAYET-DAVID 82 |
| | Maurice BERNET 90 |
| | André GIOVENAL 90 |
| | Jean OTT |
| | Jacqueline LHERMITTE |
| Germanio: | Heinrich LADAGE 56 |
| | Gernot RITTERSPACH 61 |
| | Helena HIEBEL 86 |
| | Helga KNÖTZSCH 62 |
| | Wendt HARDO 70 |
| | Herman FUELNER 67 |
| | Heinrich ROSS 82 |
| Hungario: | Lajos (Ludoviko) KORSC'S 88 |
| Italio: | Geo CLIMELLI 72 |
| | Vitaliano LAMBERTI 67 |
| | Clementina NICOLINI Ceci 63 |
| Jugoslavio: | Josip ZUPANIČ 94 |
| Norvegio: | John MOE 71 |

Ke ili ripozu pace.

1. Membrostato
   Bonvolu rigardi "Membrostato de IFEF" (aliloke en tiu ĉi IF).

**2. Interna laboro**

**2.1. Estrarkunvenoj**

La estraro kunvenis komplete dufoje (krom Hamar), kaj en Bruselo (B) marte, kaj en Prago (CS) oktobre. Aldone ĉeestis, kiel gastoj, en ambaŭ la ĉefkomitatano, kaj en Prago inĝ. Petr Chrdle, organizanto de la kunveno kaj de ĉi tiu kongreso; dum kelka tempo ĉeestis ankaŭ nia H.Pr Giessner. La densajn tagordojn ni traktis tre kunlabore kaj konstrue.

**2.2. Ĉefkomitatano**

Li plenumis akurate siajn multflankajn taskojn; i.a. li forsendis unu cirkuleron kun la demandilo pri la landaj jarraportoj por la resumo de la vicprezidanto. Li pretigis adresaron de IFEF-funkciuloj.

**2.3. Vizitoj**

Ankaŭ en 1990 estraranoj partoprenis en diversaj aranĝoj. Ses landaj asocioj (estris Ĉk) organizis en Spa (B) Eŭropan Fervojistan Esperanto-Konferencon en kiu ĉeestis multaj kolegoj, inter tiuj H.Pr, kiu cetere vizitis multajn landojn, elstare Rumanion okaze de la fondo de la tiea Landa Asocio; Vp kaj FAK-gvidanto ĉeestis en la fervojista kunveno dum UK en Kubo; Vp ankaŭ en la Alpe/Adria-Konferenco; Sk vizitis finnlandajn fervojistojn.

**2.4. Evoluo en kelkaj landoj**

Landaj Sekcioj en Slovakio kaj en Estonio estis akceptitaj en IFEF. Landa Asocio en Rumanio fondiĝis en novembro. Ni atendas anoncon por aliĝo. Venis bonaj signoj el Ĉinio kaj el aliaj landoj.

**3. Laborplano**

**3.1. Koresponda Servo**

Tuj ĉesis la servo de s-ro George Joly (F). Komenciĝis la laboro de s-ro Germano Gimelli (I).

**3.3. Junularo**

Nenio estas rimarkinda.

**3.4. Terminara Komisiono**

1990 estis jaro en kiu okazis granda perdo: forpasis la neforgesebla amiko Gernot Ritterspach (D). Aperis la "Aldono 8 COTIF" de la "Unuecaj reguloj por la kontrakto pri la internacia fervoja transporto de varoj (CIM)". Oni daŭre laboris por atingi aliajn celojn sub la kunordigo de la nelacigebla k-go Heinz Dieter Hartig (D).

**3.6. Fake Aplika Komisiono**

Fakprelega Komisiono laboras por eldoni specialajn kajerojn. Aldone al la ĉiam altkvalitaj kongresaj fakaj programoj, en Havano estis du prelegoj kaj en Spa (B) D.Hartig prezentis fakan aktualaĵon: "La Eŭropa merkato 1992 kaj la fervojo".

**3.7. Fervojista kontaktkunveno dum la 75a UK**

En Havano (Kubo) okazis fervojista kunveno, sub gvidado de IFEF-Vp István Gulyás (H), kiu priskribis la pasintan IFK Hamar; helpis inĝ Petr Chrdle (CS), kiu prezentis la venontan en Ĉeĥoslovakio. Prelegojn faris I. Gulyás, pri la situacio kaj evoluo en la pasaĝer-trafiko en Eŭropo, kaj Imre Ferenczy (Pr de UMEA, Universala Medicina Esperanto-Asocio), pri la taskoj de la fervojistaj kuracistoj je la plej gravaj malsanoj. Ĉeestis tridek kolegoj el dekkvin landoj, sed bedaŭrinde neniu kuba fervojisto. Nome de UEA ĉeestis la respondeculo pri la faka agado, s-ro Oszkar Princz (H).

**4. Aranĝoj**

**4.1. IFEF Skisemajno**

La 31a IFES sukcese okazis 13-20.01.1990 en Campo Tures (Sand in Taufers) (I), kunordigita de Elisabeth kaj Vitus Röder (vidu IF 2/90, p. 28),

**4.2. IFK = IFEF-Kongreso**

La 41a IFK okazis 02-08.06.1990 en Hamar (N). Ĉeestis 393 partoprenantoj el 21 landoj.

Jen la plej gravaj eventoj:

a) Ĉiuj aranĝoj estis organizitaj en la urbodomo de Hamar kaj la urbestro Egil O. Larsen gastigis nin majstre kaj regale.

b) FISAIC sendis reprezentanton: S-inon Barbro Erikson (S); NSB (Norvegaj Ŝtataj Fervojoj komisiis s-ron Ivar Ødegaard.

c) Post jaroj partoprenis rumanaj kolegoj, kun multaj eúroporientuloj.

ĉ) "Esperantogata", t.e. Esperanto Strato, estis pompe inaúgurita.

d) Kasisto s-ro Henning Hauge (DK) estis konfirmita kaj nova Prezidanto estis elektita, nome s-ro Per Engen (N). Anstataúanto de ĉefkomitatano iĝis k-go Jan Bultman (NL).

e) Eksprezidanto Joachim Giessner fariĝis Honora Prezidanto de IFEF.

f) La forpasinta kolego Gernot Ritterspach estis honorigita postmorte per FISAIC-ora medalo.

g) Landaj Sekcioj Estonio kaj Slovakio estis akceptitaj en IFEF.

ĝ) Pr Per Engen prezentis fakprelegon de Bjørn Holøs, tradukitan de li kaj de Per Johan Krogstie, pri "La centra stacio de Oslo".

h) Oni organizis interesajn ekskursojn: en la urbo kaj al la loka fervoja muzeo, al la mineja montara urbo Røros, al la ĉelaga Lillehammer en sia belega fama liberaera folklormuzeo Maihaugen. Tiuj ĉi du lastaj pertrajne regale de NSB.

ĥ) Estis belaj distraj aranĝoj, inter kiuj folkloraj dancoj, muzikoj, orgenkoncertoj, koruskantoj.

5. Eksteraj rilatoj

5.1. UEA

La kontaktoj kaj kunlaboroj inter IFEF kaj UEA daúre estas bonegaj. Oni intencas plivastigi la kunlaboron inter UEA kaj fakaj organizoj.

5.2. FISAIC

La kontaktoj kaj kunlaboroj inter IFEF kaj FISAIC estas eĉ pli bonaj ol kutime. Ties Generala Asembleo en Berchtesgaden (D), 06-07.10.1990, akceptis proponon de s-ro Wallerand (F) por uzo de Esperanto en FISAIC-laboroj. Unuanime oni akceptis ĝin, kvamkam provizore por skribaj aferoj.

Pri la venonta (1992) FISAIC-40a jubileo, kiun oni festos en Epernay (F), oni favorigos la partoprenon de reprezentantoj de 'a reformorienteúropaj landoj.

Fina komentario

La akcepto de du novaj Landaj Sekcioj (Estonio kaj Slovakio) kaj la fondo de nova Landa Asocio en Rumanio montras kreskon kaj pligrandigas niaj esperojn al la estonteco. Presado de novaj fakaj verkoj, akcepto de Esperanto kiel laborlingvon ĉe FISAIC ankaú estas favorplenaj signoj. Ĉiam pli ampleksa faka agado estas unu el la ĉefaj taskoj de nia kategorio, kiu strebe kaj precize laboras tiucele, donanta plenan korfirmon pri nia alta vico inter la fakaj organizoj. La bonege sukcesirta kongreso de Hamar denove montris apartan lertecon kaj nekomunan ertreprenemon de nia kategorio.

Ĉu ĉio estas rozkolora? Bedaúrinde ne, ĉar iaj malnovaj kaj novaj situacioj: stagno en kelkaj landaj asocioj, manko de junuloj, kresko de pensiuloj, grandaj kaj rapidaj ŝarĝoj en la fervojaj organizoj, nedurgado de novaj fervojistoj, ekonomiaj kaj socipolitikaj malfacilaĵoj en multaj landoj kaj ĝenerala timo de malboniĝo en interŝtataj rilatoj eĉ de milito, multe bremsas niajn eblecojn kaj la disvastiĝon de Internacia Lingvo kune kun pacemaj sertoj.

Tamen, sume, 1990 estis jaro fruktodona.

Bolonjo, februaro 1991

Romano Bolognesi, Sekretario

## RAPORTO DE LA KASISTO PRI LA JARO 1990

| Enspezoj | DKK | Elspezoj: | DKK |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 41.883,79 | Internacia Fervojisto | 39.370,85 |
| Terminara Fonduso | 20.648,05 | Estraro | 4.167,80 |
| Junulara Fonduso | 88,40 | Administrado | 4.102,23 |
| Rentoj | 288,94 | Reprezentado | 738,00 |
| | | Kotizoj | 780,71 |
| | | Terminara Fonduso | 20.648,05 |
| | | Junulara Fonduso | 88,40 |
| Sumo | 62.909,18 | | 69.896,04 |
| Plielspezoj | 6.986,86 | | |
| | 69.896,04 | | 69.896,04 |

## BILANCO JE LA 31.12.1990

| Aktivoj: | | Pasivoj: | | |
|---|---|---|---|---|
| Kaso | 3.500,00 | Kongresa Garantia Fonduso | | 11.162,27 |
| Poŝtĝirkontoj | 22.262,47 | Junulara Fonduso | | 2.597,55 |
| Bankkontoj | 32.053,80 | Terminara Fonduso | | 40.647,71 |
| Inventaro | 2.781,55 | Havaĵo 1.1.90 | 13.177,15 | |
| | | Plielspezoj | 6.986,86 | 6.190,29 |
| | 60.597,82 | | | 60.597,82 |

## MEMBROSTATO

| Lando | 1990 | 1989 | Lando | 1990 | 1989 |
|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio | 129 | 133 | Hispanio | 103 | 96 |
| Belgio | 50 | 50 | Hungario | 201 | 201 |
| Britio | 30 | 30 | Italio | 170 | 162 |
| Bulgario | 90 | 90 | Japanio | 17 | 17 |
| Ĉeĥoslovakio | 60 | 46 | Jugoslavio | 60 | 60 |
| Ĉinio | 20 | 20 | Nederlando | 43 | 44 |
| Danio | 65 | 65 | Norvegio | 41 | 42 |
| Estonio | 10 | | Pollando | 20 | |
| Finnlando | 20 | 20 | Svedio | 66 | 71 |
| Francio | 220 | 210 | Svisio | 75 | 70 |
| Germanio | 635 | 658 | Individuoj | 4 | 4 |

## RAPORTO DE LA REDAKTEJO DE INTERNACIA FERVOJISTO PRI LA JARO 1990

Kiel jam kutime aperis dum 1990 ses numeroj de IF kun sume 96 paĝoj. La kutimaj akurateco kaj zorgemo de la tajpanto Erna Hauge, la rapida kaj profesia presado de "Gefion Tryk" kaj la fruktodona kunlaboro de areto de verkantoj faciligis la laboron kaj forprenis la ĉagrenojn de la redaktanto.

Longtempa pripenso kaj fine konstrua diskuto dum la IFK en Hamar rezultis en neniu ŝanĝo de la IFa aspekto krom ekde n-ro 1991.1 eta modernigo de la frontpaĝo.

Laŭenhave 1990 estis jaro de la normalaj priskriboj de la IFKoj, raportoj, protokoloj, resumoj ktp - ĉio

kiu rilatas al IFEF kaj ĝiajn administron kaj vivon. Al kelkaj legantoj tiaj tekstoj povas aspekti iom sekaj, sed al tiuj kiuj vere interesas sin pri la laboro kaj celo de IFEF, ilia enhavo donas inspiron kaj ideojn por la pluaj streboj.

Tamen laŭ la disponeblaj tekstoj kaj loko ni daŭre klopodas aperigi noticojn kaj artikoletojn pri fervojaj temoj por pli kaj pli fake apliki Esperanton, kio cetere estas - verŝajne la sola - maniero iam konvinki fervojajn administraciojn pri nia oferto.

Kompreneble ĉi tie estu denove menciita la kutima instigo/peto pri alsendo de abundo de noticoj, artikoletoj, informoj pri la fervoja vivo, ne nur internacie, sed ankaŭ loke. Ofte okazas dum la ĉiutaga deĵoro eventetoj, kiuj spicas la rutinon. Rakontu mallonge pri tiaj kaj sendu.

Cetere ni daŭrigas 'fosi nian sulkon'.

Næstved, en februaro 1991
E Henning Olsen

---

## ĈU, ĈU NE

Tie kaj tie mi legis pensojn kaj artikolojn, kiuj konstatis, ke la konataj eventoj de la dua duono 1989 kaj en la pasinta jaro havas pozitivajn konsekvencojn por nia lingvo Esperanto. Aŭ ĉu ne?

Nu, mi ne nur legis artikolojn, sed ankaŭ korespondaĵojn de multaj konatoj el tuta Eŭropo, ĉu esperantistoj, ĉu ne-esperantistoj. Kaj mi ne nur legis, mi ankaŭ aŭdis kaj rigardis surloke. Kio estas la rezulto?

Ofte ni aŭdas la opinion, ke pro malfermo de multaj limoj, pro forigo de burokrataj malhelpoj en formo de vizoj kaj aliaj kontroloj kaj pro internaj liberigoj en la ĝis nun socialismaj landoj la tieaj esperantistoj finfine atingis staton de libereco, pri kiu ili ĝis nun povis nur revi. Kaj fakte ili atingis ĝin, tiun staton, kies ĉefa karakterizaĵo estas, ke la homoj nun rajtas esprimi sian opinion kaj vojaĝi al aliaj landoj. Kaj vojaĝoj ja estas grava rimedo por praktiki nian lingvon.

Sed jam montriĝas novaj malhelpaĵoj, kiujn oni ne subtaksu, ĉar ili ne nur konsiderinde malfaciligas aŭ malebligas vojaĝojn, sed ili eĉ severe trafas la Esperanto-movadojn de la koncernaj landoj en ties kerno. Intertempe estas konate, ke ĉiuj registaroj de tiuj landoj klopodas ricevi subtenadon el okcidento, por povi resanigi sian ekonomion. Sed tio nur eblas, kiam tiuj registaroj postulas paralele grandajn oferojn de siaj ŝtatanoj. Tio okazas en formo de forta plialtigo de ĉiuspecaj prezoj, dum samtempe la enspezoj de la homoj apenaŭ kreskas.

Aldoniĝas la fakto, ke la maŝinaro kaj instalaĵo de fabrikoj ĝenerale estas malmodernaj, ke oni ne prospere produktas, ke la trafiko same suferas. Cie ajn montriĝas, ke tro da personaro estis okupita, kio nun, ĉar necesas pli ekonomie produkti, kondukas al kreskanta senlaboreco. Kaj evidentiĝas, ke la iamaj registaroj kaŝis la mizeran ekonomian staton sub mantelo de subvencioj, kiuj nun mankas.

Cio tio kompreneble kaŭzas ĉe multaj homoj fortan senton de persona nesekureco. Kaj tiaj sentoj neniel akcelas la emon, okupi sin pri io, kio ne tuj donas materiajn avantaĝojn. El tio rezultiĝas, ke la Esperanto-organizoj perdas membrojn, el kiuj multaj ĝis nun - apenaŭ parolante Esperanton - nomis sin esperantis

toj, por povi ĝui la avantaĝojn, kiujn prezentis a Esperanto-organizoj. Tiuj organizoj ne nur perdas membrojn, kaj sekve ties kotizojn, sed ankaŭ ne plu ricevas antaŭajn monajn subvenciojn, senkostajn kunvenejojn ktp. Ili subite renkontas multrilate similajn kondiĉojn, kiujn okcidentaj organizoj kaj grupoj jam ĉiam konas, sed kun la diferenco, ke mankas al ili spertoj kaj momente rimedoj, por majstri tiun novan situacion.

Tutklare multrilate tiuj konstatoj validas ankaŭ por la fakaj organizoj de la fervojistoj. Ankaŭ ili devas lukti kiel fakaj societoj de siaj landaj Esperanto-Asocioj kontraŭ samaj obstakloj. Sed kion signifas tio por ni "okcidentuloj"? Ĉu por ni eblos plifaciligi al ili la situacion? Ni ja volas, ke la orientaj landaj asocioj de IFEF ne perdos membrojn, sed male gajnos. Ni volas, ke pli da iliaj gekolegoj trovu la vojon al nia granda duobla familio de fervojistoj kaj esperantistoj. Tial nun pli forte ol iam ajn necesas, ke okcidenteŭropaj kolegoj serĉu kontaktojn al orienteŭropaj, vizitu ilin, helpu al ili persone tra tiuj unuaj malfacilaj jaroj, ĝis ili kapablos helpi al si mem. Kaj la orientaj kolegoj ne hontu akcepti helpon. Ili ja ne kulpas pri la nuna stato. Belega praktika ekzemplo estis la subtenado, kiun LKK Hamar donis al la kongresanoj el la orientaj landoj, tiel ke multaj gekolegoj el tiuj landoj havis eblecon partopreni en la kongreso.

Konkludo ni ĉiuj pripensu, kion ni persone povas fari, por plifaciligi al niaj orientaj amikoj iliajn momentajn komplikaĵojn. Tiamaniere ni ankaŭ kontribuos al pozitiva evoluo de IFEF. Malofte la profunda senco de la zamenhofa ideo tiel klare postulis realigon kiel ĝuste nun.

Joachim Giessner

---

## EL LA VIVO DE NIAJ LANDAJ ASOCIOJ

### Venontaj jarkunvenoj

**DEFA**
Sabate la 16an de marto 1991 en Næstved. Informoj ĉe la redakcio de IF.

**FFEA**
10a-14a de aprilo 1991 sur insulo Berder. Plej proksima fervoja stacio Vannes. Ampleksa programo, i a kun ekskursoj, distro kaj socia kunestado. Aliĝoj al s-ro Jean Rolland, Le Beudec, F-56950 CRAC'H.

**KOMUNA JARKUNVENO DE FERN KAJ DE BEFA**

Ĝi okazos en EPEN (Suda Limburgo-Nederlando) la 20an kaj la 21an de aprilo 91.

Sabaton, la 20an, ĉiuj partoprenontoj kolektiĝos en la bela stacidomo de MAASTRICHT (NL), plej malfrue je la 11a horo.

De tie per aŭtobusa ekskurso tra pitoreska regiono ni atingos la kongrasan hotelon "Berg en Dal" de EPEN. Tagmanĝo survoje.

Post komuna vespermanĝo, distra vespero.

Dimanĉon, antaŭtagmeze, apartaj ĝeneralaj jarkunvenoj de FERN kaj de BEFA.

Post komuna tagmanĝo, je la 14a30, aŭtobuso veturigos la ĉeestantojn al la stacidomo de MAASTRICHT.

Prezo de la tuta aranĝo, surbaze de dulita ĉambro kun duŝo kaj necesejo:

130 NLG. (Pagotaj je alveno surloke).

Por aliĝi, skribu al:
Jan BULTMAN, Cacaomolen 9,
NL-1541 RL KOOG AAN DE ZAAN (NL);
por la belgaj partoprenantoj al:
Lucien DE SUTTER, Av.Kersbeek/laan 90, B-1190 BRUXELLES/BRÜSSEL.

Aliĝ-limdato: 15a de marto 91.

MAASTRICHT situas je 24 km de Lieĝo (B) kaj 37 km de Aachen Hbf (D). Ĉiun horon veturas IC-trajno inter Bruselo kaj Maastricht, ambaŭ direkte. Daŭro de la vojaĝo: 2 horojn.

GEFA
11a-13a de oktobro 1991 en Friedrichshafen. Informoj ĉe s-rO Siegfried Krüger, Dinkelsbühler Str 2, D-W-7100 Heilbronn.

Pollando
La fervojista klubo 'VERDA VOJO' en Gdansko organizos septembre 1991 la 8an Kongreson de Polaj Esperantistoj-Fervojistoj en WIEŻYCA - en la koro de Kaŝubia Regiono inter la urboj Gdynia kaj Kościerzyna.

Informoj ĉe 'Verda Vojo', str. Dyrekcyjna 2-4, PL-80-852 GDANSK. ■

---

FERVOJISTA SEKCIO ĈE SLOVAKIA ESPERANTO-ASOCIO

invitas vin partopreni INTERNACIAN FERVOJISTAN ESPERANTISTAN TURISMAN SEMAJNON IFETUS 1991 en Vrátna-valo ĉe Žilina de la 15a ĝis la 22a de junio 1991 en kabano de Elektrovod en Stefanová.

Korespondadreso: Magdaléna Feifičová, TOM 25/5, CS-010 01 ŽILINA.

La tutsemajna restado en belega naturo de la koro de nacia parko Malá Fatra, en Vrátna valo, donos al vi eblecon piedekskursi ties vidindaĵojn.

En sovaĝa montpasejo Tiesňavy rapidas rivereto Vrátňanka, muĝas, falas trans kataraktojn kaj ŝaŭmas. Tiesňavy estas la enira pordego al pitoreska valo, kiun gardas ŝtona monaňo. El la sidloko de la pendtelfero amantoj de romantikaj panoramoj per unu rigardo ĉirkaŭbrakos montoĉenon de fieraj montopintoj. Mirindaj estas akvofaloj en kanjonoj Jánošíkove diery, belega estas ties flaŭro en tiu ĉi paradizo de botanikistoj.

Sed ne nur tion vi povos ĝui dum tuttagaj turismaj ekskursoj. Krome ni vizitos en tuttaga busa ekskurso plej belan Groton de Libereco en Demänovská-valo kaj ĝuos veturadon per la pend-telfero al montopinto Chopok en montaro Nízke Tatry.

Prezo por eksterlandanoj estas 1500,- Kĉs, aŭ 150 DEM. La prezo enhavas: tranoktadon por 7 noktoj, tuttagan manĝon por 7 tagoj (komence la 15an de junio per vespermanĝo ĝis tagmanĝo la 22an de junio), busan ekskurson kaj organizajn elspezojn. Kun eksterlandanoj oni interkonsentos pri maniero de la pago perletere.

Oni loĝos en entreprena kabano por 40 homoj, kiu havas statuton de hotelo C, en kvarlitaj ĉambroj. La manĝo estos prizorgata rekte en la kabano. Dum tuttagaj ekskursoj oni ricevos sekan manĝon.

Ĉiu partoprenanto devas havi turismajn vestaĵojn, firmajn turismajn ŝuojn, dorsosakon, pluvmantelon kaj ĉapon. ■




7a KONGRESO DE POLAJ ESPERANTISTOJ-FERVOJISTOJ
WISŁA 28-30.09.1990

Fine de septembro okazis en Wisła la 7a Kongreso de Polaj Esperantistoj-Fervojistoj. Organizis ĝin la Fervojista E-klubo de Katowice. Alvenis ĉirkaŭ 100 gekolegoj el diversaj regionoj de Pollando kaj ankaŭ venis 10 eksterlandaj gastoj - jen ili laŭ alfabeta ordo: Aŭstrio - 1, Belgio - 1, Ĉeĥoslovakio - 2, Ĉinio - 1, Hungario - 2, Nederlando - 2, Norvegio - 1.

Menciindas diri, ke la kongreso okazis en novkonstruita ripozdomo nomita SOSNA (Pinio) belege situata kun luksaj kondiĉoj - ĉiuj kongresaj aranĝoj okazis surloke. La urbeto Wisła [Visŭa] situas ĉirkaŭ 100 km sude de Katowice, ĉe ĉeĥa landlimo, en pitoreska kurac- kaj ripozregiono montara. Tie ĉi havas sian fonton la plej granda pola rivero Wisła (= Vistulo). En apuda montara vilaĝo Istebna troviĝas regiona muzeo-kabeno, kiun gvidas fama esperantistino Zuzanna Kawulok. Ŝi scipovas ludi per diversaj popolmuzikiloj kaj rakontadas al vizitantoj pri diversaj popolaj moroj.

Do komenco de la kongreso okazis vendrede posttagmeze, je la 17a horo estis kunsido de Landa Fervojista Sekcio kaj ĝis malfermo oni akceptadis alvenintojn. Post la vespermanĝo je la 20a horo en kafejo okazis interkona vespero. Kiel kutime estis gaje kaj agrable. Venontan tagon, sabaton 29an de septembro okazis kunsido de Landa Fervojista Sekcio de Pola E-Asocio kaj elekto de nova estraro.

Post la balotado la nova estraro prezentiĝas:
1. Prezidanto Maria FEDOROWICZ, urbo Katowice.
2. V-prezidanto Ryszard Prałat, urbo Opole.
3. Sekretario Henryka Borkowska-Szmatloch, urbo Tarnowskie Góry.
4. Estrarano Janina Bańkowska, urbo Sepólno Krajeńskie.
5. Estrarano Elzbieta Hepnar, urbo Wrocław.
6. Fakprelegoj Janusz Fortuński, urbo Opole.
Redaktoro de Landa Fervojista Sekcio estas Leszek Wolski de Katowice.

Dum la kunsido ĉiuj eksterlandanoj per minibuseto vizitadis la ĉirkaŭa-

jon.

Post tagmanĝo en televidsalonego okazis prezentado de videofilmoj kaj lumbildoj. Nia kara gasto PHERSY FERENC de Budapeŝto prezentis videofilmon pri novaĵo de MÁV, kaj ankaŭ nia ŝatata gasto norvega Per Johan KROGSTIE prezentis 2 videofilmojn pri Hamar kaj Hedemark-regiono. Fine flanke de mastroj kolego Lescek Wolski-
montris lumbildojn, ankoraŭfoje rememorigante la 42an IFEF-kongreson en Hamar kaj iom da impresoj de norvegaj urboj: Oslo, Bergen, Trondheim, Bodø.

Post solena abunda vespermanĝo okazis balo en kafejo - dancado, amuzado, babilado, ŝercoj daŭris ĝis noktomezo. Notinde estas, ke dum la balo festis sian naskiĝtagon nia karega gasto belga, reprezentanto de monda Turismo Leo De Bruyregeludantoj fordrinkis kelkajn botelojn de "Verda Campano" en boneca, eĉ familia etoso. Menciindas ankaŭ amuzmaniere farita "bapto" de nia simpatia ĉina samideano ZHU HUABAO, direktoro de E-Turisma Sekcio en Pekino (Beijing).

Dimanĉe post la matenmanĝo en apuda preĝejeto okazis Sankta Meso kaj poste estis libera tempo ĝis tagmezo. Tiun ĉi tempon amikaro profitis diversmaniere: suno kaj varmeco instigis por promenadoj, aliaj babiladis.

Post tagmanĝo je la 14a horo finiĝis la kongreso kaj ĉiuj forveturis hejmen. De la tuta kongreso estas farita videofilmo daŭranta 2,5 horojn.

Fotis kaj prilaboris Leszek Wolski.

## JARKUNVENO EN SLOVAKIO

La jarkunveno de la Fervojista sekcio ĉe SEA okazis sabaton la 8an de decembro 1990 en Poprad enkadre de la kongreso de SEA. Partoprenis ĝin 14 partoprenintoj, inter ili A.Meinel kaj C.Trochold el Germanio, geedzoj Halász el Hungario kaj P.Chrdle kaj J.Skalická el Ĉeĥio. Komence de la jarkunveno la ĉeestantoj per minuto de silento honorigis la memoron de ĉijare forpasinta sekcianino s-anino Helena Krejčíková el Košice.

Pri la pasinta agado raportis M.Feifičová. El la raporto ni elektas kelkajn informojn:

- La revuon IF por la jaro 1990 abonis 21 abonintoj.
- En aprilo sukcese okazis komuna renkontiĝo de fervojistoj en Prago sub la nomo APRILO 1990.
- S-aninoj M.Feifičová kaj M.Martonová partoprenis la 42an IFEF-kongreson en Hamar.
- Doc. Martonová per prelego partoprenis en novembro la 8an internacian didaktikan seminarion por instruistoj de Esperanto en Litovio.
- M.Feifičová partoprenis la jarkunvenojn en Aŭstrio, Hungario, Ĉeĥio kaj GDR.
- D.Barna kaj O.Ďurišiková senpage donacis sangon.
- Doc. Martonová sukcesis envicigi Esperanton kiel nedevigan instruobjekton en Trafika Altlernejo. La rondeton vizitas 14 studentoj.
- Informoj pri agado de la sekcio estis regule aperigitaj en Esperantisto Slovaka kaj en nacia ĵurnalo Železničiar.
- Bedaŭrinde, la laboro super la slovaka versio de Fervoja terminaro progresas tre malrapide.
- Ankaŭ klopodo ĉe kunligo de kontaktoj kun protektantoj de mallarĝŝpura fervojeto en Liptovský Hrádok ne donis multajn rezultojn.

El la raporto pri stato de la sekcia anaro ni elektas:

- El 27 sekcianoj estas 14 viriroj kaj 13 viroj. El ili estas 5 homoj pli ol 60 jarojn aĝaj. Pli fortaj

fervojistaj grupoj estas ĉe Esperanto-kluboj en Žilina kaj Košice. Krome niaj anoj estas en Bratislava, Levice, Prešnov, Pribeník, Spišská N.Ves kaj en Štúrovo.

Pri sekciaj financoj raportis A. Bieliková. La enspezoj estis plejparte honorarioj pro artikoloj en ĵurnalo Železničiar kaj donacoj. La elspezojn kreis sendkostoj, preso de sekcia leterpapero, donacetoj ĉe vizitoj en najbaraj landoj, videokasedo, sekcia stampilo.

La jarkunvenon salutis ankaŭ A.Meinel, prezidanto de Germana fervojista fakgrupo, J.Halász, representanto de Hungara fervojista fako kaj J. Skalická, sekretariino de FS CEA.

Por la venonta jaro proponis V.Bielík jenajn agadojn:
- kreo de kontaktoj kun Klubo de fervojamikoj kaj kun Klubo de vojaĝantoj.
- Organizado de la semajnfina renkontiĝo en Vrátna-valo komune kun FS CEA.
- Partopreno en la 43a IFEF-kongreso en Olomouc.
- Organizado kaj partopreno en postkongresa restado en Žilina post la 43a IFEF-kongreso.
- Organizado de fervojista turisma semajno en Vrátna-valo.
- Organizado de la Internacia Fervojista E.skisemajno IFES en Cadca.

Memkompreneble daŭre restas la tasko plialtigi la lingvosciojn, propagandi Esperanton kaj FS-on, akirado de novaj anoj de FS SEA, varbado de abonantoj de la revuo Internacia Fervojisto kaj laboro super la slovaka versio de Fervoja terminaro.

Pri la 43a IFEF-kongreso parolis P.Chrdle, prezidanto de LKK; pri la postkongreso informis M.Feifiĉová.

Post elĉerpiĝo de la programo estis la jarkunveno finita.

Raportis Feifi

---

MEMORVORTOJ

EL 'DEFA-bulteno' ni ĉerpis jenan nekrologon, pri kiu IFEF plene konsentas:

Granda funebro en DEFA Århus

Nia kara amiko kaj samideano Charles Jensen mortis la 17an de novembro 1990; estas tre granda perdo por, unue lia familio, sed ankaŭ por la fervojista esperantistaro de DEFA.

Li estis la unua prezidanto de la grupo en Århus antaŭ preskaŭ 40 jaroj, kaj poste dufoje transprenis ĉi tiun postenon en la sekvanta epoko; krome li dum multaj jaroj estis estrarano er DEFA. Pro tio li ricevis en la jaro 1989 la honoran titolon "DEFA-ulo" kune kun valora donaco.

Kvankam grava malsano dum la lastaj 20 jaroj turmentis lin, lia viva volo kaj bona humoro kun ega lerteco igis lin tre aktiva en la asocia laboro. Li ĉiam estis tre debatema kaj liajn opiniojn oni respektis plene.

La tre granda partopreno en la entombiga ceremonio montris, ke Charles estis tre ŝatata kaj respektata ankaŭ inter amikoj ekster la esperantista medio, kaj la multegaj floroj, kiuj ornamis lian ĉerkon, manifestis lastan saluton al tre kara amiko kaj kondolencon al lia familio.

Honorita estu lia memoro. DEFA Århus

## COTIF, CIV, CIM - KIO ESTAS TIO ?

Jam en la tridekaj jaroj kelkaj fervojistaj esperantistoj, precipe el Jugoslavio, komencis traduki konvenciojn pri la internacia fervoja trafiko. Oni daŭrigis tiun laboron, kiam aperis noveldonoj de konvencio kaj reglamentoj. Intertempe la organo de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF) povis bonvenigi la aperon de la esperantigitaj COTIF, CIV kaj CIM. Kio kaŝas sin sub tiuj mallongigoj?

La "Konvencio pri la internacia fervoja trafiko (COTIF)" estas jura fundamento. Ĝi estas eldonita, kun valideco de la 1a de majo 1985, de la Centra Buroo por internaciaj fervojaj transportoj (OCTI), kies sidejo estas en Bern (Svislando). La instituсio OCTI interligas la interesojn de la ŝtatoj kun la bezonoj de la fervojoj partoprenantaj internacian fervojtrafikon. COTIF do devis esti ratifikata per la parlamentoj de la koncernataj ŝtatoj. Ĉiuj sekvaj modifoj kaj kompletigoj necesigas temporaban traktadon kaj ratifikon, kiuj daŭras inter ses kaj naŭ jarojn. Nur malgravaj ŝanĝoj de COTIF povas ekvalidiĝi per simpligita proceduro jam post dujara traktado.

CIV kaj CIM estas aldonoj A respektive B al COTIF. Ilia eldonanto estas alia fervoja instanco, la Internacia fervoja transportkomitato (CIT), ankaŭ kun sidejo en Bern. "Unuecaj reguloj por la kontrakto pri la internacia fervoja transporto de pasaĝeroj kaj pakaĵoj (CIV)" reguligas la jurajn rilatojn inter fervojoj kaj vojaĝantoj, krome inter la fervojoj mem. La paragrafoj povas esti ŝanĝataj relative rapide per la koncernataj fervojoj, ekzemple por konfirmigi ilin al la konkurenca situacio. La "Unuecaj reguloj por la kontrakto pri la internacia fervoja transporto de varoj (CIM)" okupiĝas pri la juraj rilatoj inter fervojo kaj klientaro (sendinto kaj adresato de varoj). Ankaŭ pri la rilatoj inter la fervojoj.

Nuntempe oni okupiĝas en ambaŭ instancoj pri jenaj revizioj:

COTIF
- enkonduko de la angla lingvo kiel tria laborlingvo al la nuntempe oficialaj laborlingvoj franca kaj germana,
- aliĝo de kompleta fervoja reto al la internacia trafiko anstataŭ nur de certaj linioj,
- valideco de COTIF por la submara linio inter Francio kaj Britio,
- nova metodo por disdividi la elspezojn de OCTI;

CIV
- tarifsistemo por akompanata aŭtomobilo kiel pakaĵo,
- novaj kompensaj sumoj kaze de malbonintenco aŭ grava malzorgeco;

CIM
- redukto de liverlimtempoj,
- pligrandigo de kompensaj sumoj,
- kontreguligo favore al kreditoraj fervojoj,
- normigo de CIM kun SMGS (konforma reglamento de orientaj fervojoj).

Wilhelm BARNICKEL (D)

---

## FERVOJA KORESPONDA SERVO

S-ro Germano GIMELLI, Via Creti 61, I-40128 BOLOGNA, Italio.

Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.

Aldonu se eble internacian respondkuponon. Se tio ne eblas, aldonu poŝtmarkojn vendeblajn en Italio.

LA PLEJ ...

La plej granda fervoja stacio en la mondo estas "Grard Central Terminal" inter Park Avenue kaj 43a strato en Novjorko. Ĝi estis konstruata en la jaroj 1903-1913. Ĝia areo okupas 19 hektarojn en du etaĝoj. En la supra etaĝo estas 41 relparoj, en la malsupra 26. El la stacio ĉiutage forveturas meznombre 550 trajnoj kaj 180.000 pasaĝeroj. Rekorda nombro da pasaĝeroj estis atingita la 3an de julio 1947, kiam oni nombris 252.288 pasaĝerojn.

La plej ampleksan trafikon en la mondo havas la japanaj fervojstacioj Tokio - Meza, de kie oni en 1969 ekspedis 2600 trajnojn kaj Tokio Ŝindĵuku kun po 2.200.000 pasaĝeroj.

La plej granda fervoja ponto en Eŭropo troviĝas en Jugoslavio. Oni konstruis ĝin en la jaroj 1969-1973 sur la fervoja linio Beogrado - Bar en alteco 220 metrojn super la fundo de sovaĝa kanjono. Ĝi longas 499 metrojn. La ŝtala konstruaĵo de la ponto staras sur pilonoj kaj ĝia maso estas 2600 tunojn.

La plej potencajn elektrajn lokomotivojn je povo 11000 CP (ĉevalpovoj) oni fabrikas serie en Sovetunio. Ili trakcias sur Bajkalo Amura magistralo. La lokomotivo povas tiri ŝarĝon de 10.000 tunoj. La energio aperanta dum bremsado estas redonata al la elektra reto.

La plej longa bildo en la mondo estas pentrita de Japano Furukawa. La bildo longas 380 metrojn kaj larĝas unu metron. La pentristo pentris ĝin kun helpo de 80 studentoj.

La plej longa tunelo en Ĉinio, la deka laŭ longo en la mondo, estis transdonita al trafiko en provinco Kuan-Tung en la suda Ĉinio. La dekkvar kilometra fervoja tunelo mallongigos vojon per fervojo inter Pekino kaj Kantono je tri horoj kaj ĝi grave helpas sav' la strečan situacion en ĉina fervoja trafiko.

La plej grandan ŝipon en la mondo oni konstruis en Italio. La ŝipego longas 190 metrojn, larĝas 78 metrojn kaj portas du grandajn gruojn, kies brakoj atingas 209 metrojn alten. La giganta ŝipo je maso 175.000 tunojn estis konstruita kaj muntita po partoj, ĉar oni lokigus ĝin en neniun italan ŝipfarejon.

Kompilis Jindřich Tomíšek

ENHAVO



Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos en majo, estas 10.04.1991

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved